ESPERANTISTO SLOVAKA
ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO INSTITUTO
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo
IV-a JARKOLEKTO ● FEBRUARO-MARTO 1949 ● NUMERO 2-3 (32-33)

# Ĉu ni povas esti kontentaj?

„Heroldo de Esperanto", en sia ĉijara 4-a numero, tre simpatie recenzas nian movadon en Ĉeĥoslovakio. Sub titolo „Ciferoj neniam atingitaj ĝis nun — en Ĉeĥoslovakio!" la artikolo mencias, ke la membraro de la Praha-a Esperanto Asocio en ĈSR atingis 3000 anojn. La raporto el Slovakujo mencias i. a. la intereson de slovakaj radiostacioj kaj gazetoj, kiuj „kelkfoje" okazigis prelegon kaj „ofte" aperigis artikolojn pri Esperanto.

En la ĉeĥaj landoj nia movado havas jam longan tradicion, fortajn klubojn kun estraranoj vere entuziasmaj, laboremaj, el kiuj multaj atingis internacian nivelon kiel verkistoj, tradukistoj k. s. Ili povas sin apogi je radiostacioj, kiuj okazigas r e g u l a j n elsendadojn ne nur sciigajn, sed ankaŭ la ĉiumonatan amuzan duonhoron de la konata „Verda stacio". La ĉeĥaj samideanoj havas jam sian ĉiujaran somerlernejon en Doksy, ili okazigas regulajn ekspoziciojn, ekskursojn, kursojn nun ankaŭ por la fabriklaboristoj, kiuj estas objekto de ĉiuflanka zorgemo kaj instruado de nia popoldemokrata reĝimo.

Kvankam ankaŭ ni en Slovakio povas jam noti kelkajn daŭrajn sukcesojn, kiel ekz. la fondon de Slovaka Esperanto Instituto, tamen ni n e p o v a s e s t i k o n t e n t a j. Ŝajnas al mi, ke ni zorgeme notas ĉiun sukceseton, ĉiun simplan agon poresperantan, kiel multaj lertaj eksterlandaj samideanoj-propagandistoj, laŭ raportoj de kiuj oni povus pensi, ke almenaŭ la triono de ilialanda loĝantaro estas jam esperantigita. Sed grandaj, gravaj venkoj mankas.

Bedaŭrinde ni devas konstati, ke ni ĝis hodiaŭ ne trovis d a ŭ r a n lokon en la programo de la slovakaj radiostacioj (Bratislava, Košice)

kaj ke ni havas nur unu redaktoron esperantistan, kiu temp-al-tempe povas sukcesi aperigi artikolon, sciigon propran aŭ de t. n. „nia esperantista korespondanto“.

Kio estas ja 600 organizitaj anoj en Slovakujo ĉe 3-miliona nacio? Certe ĝi estas cifero nenian ĝis nun atingita, sed — kiel ankaŭ 3000 anoj en la ĉeĥaj landoj ĉe 8 milionoj da loĝantaro — ĝi estas procento tro modesta!

Do, ni ne devas provizore esti kontentaj kun la neniam ĝis nun atingitaj sukcesoj, sed zorgeme pripensi kaj esplori la rimedojn por plia disvastigado de nia movado. Granda malhelpaĵo estas ne nur, ke nia nova lerneja instruplano konas nur „vivajn“ lingvojn (rusan, francan, anglan), sed eĉ ke ni ne havas instruistojn por kontentigi la intereson de lernejoj, kie oni povus instrui Esperanton en kadro de „interes-rondetoj“. La jam starigita ekzamena komisiono de Slovaka Esperanto Societo ĝis nun ne ekfunkciis (pro grava malsano de ĝia prezidanto — rim. de la red.) Sed ni ne havu troan iluzion pri la intereso de la gelernantoj! Jes, ili interesiĝas, ili ŝatus..., ili dezirus... ktp., sed ili ne emas — lerni. Esperanto venkos en la lernejo nur tiam, se ĝi estos instruata de fakuloj kiel deviga objekto. Sen instruistoj kaj devigeco Esperanto restos nur ludilo en manoj de infanoj aŭ pli bone dirite — eternaj komencantoj.

Sed ni koncedu, ke ankaŭ multaj plenkreskuloj ne emas lerni kaj frue perdas intereson, ĉar ili sentas sin trompitaj de la propagando, asertanta pri la troa facileco de nia lingvo. Krome multaj el ili havas nur tre modestajn malaltajn celojn.

Tial ni malmultaj *fidelaj esperantistoj fariĝu ĉiuj apostoloj de la verda movado:* ni ne toleru izolulojn, kontentiĝantajn nur kun poŝtmark-kollektado, interŝanĝado de bildkartoj, petado de fotoj de alia sekso, verŝajne serĉante idealan amat(in)on. Ĉiu esperantisto havu pli altan celon: *fariĝi ano organizita kaj aktiva.* Ĉiu kursano, ĉiu memlernanto konu ankaŭ la internan ideon de nia movado, ĝian belegan, vere tuthomaran signifon kaj efikon — interfratiĝon de la popoloj disbatitaj — kaj seriozan, objektivan informadon pri niaj vivo kaj klopodoj, precipe pere de nia esperantlingva gazetaro, kiu bezonas helpon de ĉiuj.

Do, ni ĉesu esti por-si-mem-esperantistoj! Ni ne nur aranĝu kurson, sed post ĝia fino ni ankaŭ fondu lokan grupon de Slovaka Esperanto

Societo kaj elektu estraranojn, kiuj ne nur volas (aŭ ne volas) sed ankaŭ p o v o s plenumi sian taskon!

Precipe nun, post enkonduko de la nova regiona administra organizado de nia lando ni bezonas en ĉiu regiona urbo fortan kaj laboreman grupon, kiel regionan peranton; en ĉiu distrikta urbo grupon kiel distriktan peranton ktp. kaj almenaŭ unuopulojn en plej etaj vilaĝoj. Ni ne forgesu, ke ni staras meze de la maro de mokemuloj, dubemuloj kaj nekredemuloj, kies eterna eĥo sonas: — Kiom vi estas? Kial oni vin ne vidas, ne aŭdas? Kial oni ne legas pri vi en la gazetaro? Kial oni ne instruas Esperanton en la lernejoj? Ĉu via lingvo havas sencon, signifon, estontecon? Kial ne uzas ĝin la diplomatoj?

Nur pere de kolektiva kaj planita kunlaboro kaj kunfandiĝo de ĉiuj esp-istoj ni povas forigi la barojn de la nekomprenemo, malicemo, kaj starigi organizon, havantan gravan signifon por nia kultura kaj socia konstruado.

Do — ni eliru el la mallumo, fariĝu lumigantoj de niaj verdaj steloj — lokaj grupoj, ariĝintaj ĉirkaŭ nia suno — la centra organizo!

Samideanoj-eksterlandanoj povas nin subteni per sia daŭra intereso kaj kunlaborado. Helpante al ni ili subtenados la verdan movadon tutmondan! *Eliz.*

---

**Somera kolegio de Esperanto en Doksy**
16a—30a de julio 1949

Okazos kursoj elementa, progresiga, konversacia, seminarioj literatura kaj historia, kurso por Cseh-metodaj instruistoj, ciklo de prelegoj pri esperantologio kaj esperantismo kaj kurso oratora.
Limdato por aliĝo: 15a de junio.

**Letná škola Esperanta v Doksách**
16—30. júl 1949.

Kurzy pre začiatočníkov a pokročilých, konverzačný kurz, literárny a historický seminár, cvičný kurz pre učiteľov Esperanta podľa Cseh-ovej metódy, kurz rečníckeho umenia.
Prihlásiť sa treba najneskorej do 15. júna 1949.

Adreso: *Letná škola Esperanta,* Doksy u Máchova jezera, č. 453.



# Kio okazas en ČSR

## II.

## PLIBONIGO DE SOCIALA ZORGADO PRI LABORANTOJ.

La nova ĉeĥoslovaka nacia asekuro finkonstruas nian socialan zorgadon tiugrade, ke ne ekzistas alie similaĵo. Ĝi sendube estos modelo por ordigo de publikjura asekuro de laborantaj tavoloj, ĉar ĝia strukturo kaj precipe ĝia subtensistemo estas la plej valora el la ĝis nun validaj leĝoj pri sociala asekuro.

La nacia asekuro estas duspeca: malsanul- kaj pensiulasekuro.

La nacia *malsanulasekuro* unuigas la ĝisnunajn kvar specojn de sekuro (laborista, minista, privatdungitula kaj publikdungitula) sur nivelo de la plej favora asekuro de privataj dungitoj, sed eĉ tiun ĝi plibonigas per novaj kaj pli altaj subtenoj. Asekuritaj estos ĉirkaŭ 95% de la loĝantaro.

La nacia malsanasekuro koncernas kvar ĉefajn grupojn: 1. la dungitojn, enkalkulite ankaŭ la hejme laborantajn, 2. personojn memstare perlaborantajn kaj iliajn kunlaborantajn familianojn en aĝo de pli ol 15 jaroj, 3. pensiulojn kaj laborvunditojn nur en kazo de labornekapableco pli ol 50%-a, 4. senlaborulojn (t. e. personojn, kiuj ricevadas leĝan subtenon pro senlaboro). Ĝi ne koncernas personojn, laborantajn nur okaze, t. e. portempe kaj ne pli ol 7 tagojn, sed tamen la sezonajn laborantojn. Se iu havas pliajn okupojn, li estas asekurita por ĉiu sia okupo, do „malĉefa okupo" perdas sian signifon. Familianoj havas la saman rajton je materiala subteno kiel la asekurito mem. Asekurpremio estas 6.8% ĉe privataj dungitoj, 5% ĉe publikdungitoj kaj 6.7% ĉe memstare laborantaj kune kun ili laborantaj familianoj. La premio estas forkalkulebla de la enkalkulenda enspezo, maksimume el Kčs 12.000 jare.

Materiaj subtenoj: senpagaj kuracista flegado, kuraciloj kaj kuracrimedoj, flegado en malsanulejo (kie oni jam nuligis la „klasojn") kaj kuracaj institutoj (sanatorioj, sanigaj kaj klimataj banejoj ktp.), plue senpaga faka flegado de la dentaro. Asekuritinoj kaj familianinoj, kiuj mem mastrumadas sian loĝejon kaj zorgadas almenaŭ pri unu infano, ricevadas monan subtenon Kčs 30.— potage, kiu sinsekve plialtiĝas laŭ nombro de infanoj, se ili pro malsano kuŝas hejme aŭ estas en instituta flegado.



Pruntedonis „Krásy Slovenska".

En slovakaj montaroj
skiado estas plej bela printempe.

La malsanulsubteno en la 1a—10a klaso varias de tagaj Kčs 15.— ĝis Kčs 55.—, en la 11a—15a inter Kčs 61—89, en la 24a klaso ĝi egalas al Kčs 150 — potage. La subteno estas pagata jam ekde la unua tago de malsano. Unufoja subteno en patrineco faras Kčs 2500.— Krome la asekuritino ricevadas, dum 18 semajnoj, monsubtenon en alto de malsanulsubteno. Dum flegado en malsanulejo, la monsubtenon ricevadas la familianoj, kiuj — se temas pri sanatoria aŭ baneja kuracado — ricevas nur la duonon de la sumo (antaŭe ili ricevis nenion).

Enterigsubteno por asekurito egalas al Kčs 5000.—, por familiano ĝis 2 a jaraĝo Kčs 500.—, ĝis 14-a jaro Kčs 1000.—, por pli maljuna familiano Kčs 1300.— kaj por edzino Kčs 1500.—.

Ĝenerala zorgado pri la sano de asekuritoj signifas preventivan zorgadon kiel portempan kuracistan esploron, higienan edukadon, malebligon de akcidentoj ktp.

Subteno en *maljuneco* apartenas al la asekurito post la atingita 65-a jaro, se li ne povas perlabori eĉ 50% de sia iama enspezo aŭ en la 60-a jaro, se li ĉesas labori kaj estis asekurita almenaŭ dum 20 jaroj. La maljuneca kaj *invalideca* subteno faras minimume Kčs 9.600.— kaj maksimume 85% de meza jara perlaboro.

Tute novaj subtenoj de nacia asekuro estas la subteno de edzino kaj kunulino kaj precipe le subteno sociala.

La subtenon de edzino kaj kunulino povas pretendi edzino post 1-jara kunvivado, se la malsano estis akirita dum la edza vivo; kunulino post 10 jaroj de kunvivado. Ĝi egalas al Kčs 6000.— pojaraj, kiuj apartenas ankaŭ al 65-jaraĝa edzino, neperlaboranta. La vidvinsubteno egalas al 50% de subteno de la asekurito, se la edzeco daŭris 15 jarojn; al 70%, se la vidvino estas invalida, aŭ 45-jara aŭ zorgas almenaŭ pri unu infano de la asekurito. Ĉe kunulino estas necesa almenaŭ 10-jara kunvivado, se ŝi vivtenade dependis ĉefe de la asekurito (se naskiĝis almenaŭ unu infano, estas postulata nur 3-jara kunvivado).

Por-orfa subteno, ricevata ĝis la 16-a jaro (sed se la infano studas, ĝis la atingita 25-a, aŭ se ĝi ne povas perlabori pro sia korpa aŭ mensa stato), faras 50% de la subteno de la asekurito, sed minimume Kčs 6000 pojare.

Infan-eduka subteno apartenas por ĉiu infano, pri kiu zorgas la pensiulo ĝis ĝia 10-a, resp. 25-a jaro (minimume Kčs 300.— monate por ĉiu infano).

La subtenoj de pensiuloj povas esti plialtigitaj je duono pro senpovo.

Por-dota subteno apartenas al asekuritino (pensiulino), kiu edziniĝas.

Sociala subteno apartenas al ĉiu ĉs civitano, kiu — kvankam sin vivtenadis per laboro, tamen laŭ la ĝisnunaj normoj ne estis asekurita kaj estas invalida, aŭ almenaŭ 65-jaraĝa kaj bezonas ĉi tiun enspezon. Ankaŭ vidvinoj post tiaj personoj kaj iliaj georfoj povas ĝin pretendi, se ili havas vidvinan, resp. pororfan subtenon. La subteno faras Kčs 8.400.— pojare.

Pro-okupmalsanoj estas samvaloraj al laborvundiĝoj, kiuj estas gradigitaj laŭ %-oj de perdo de laborpovo.

La malsanul- kaj pensiulasekuro por dungitoj validas ekde la 1-a oktobro 1948 kune kun la pensiulasekuro de memstare laborantaj kaj estas jam praktikata. La malsanulasekuro de memstare laborantaj validos ekde la 1-a januaro 1949 pro ĝisnuna manko de kuracistoj, institutoj kaj ambulejoj, kiuj malebligis ĝian pli fruan enkondukon.

Koncize laŭ *St. Hubert* esperantigis Eliz.



# Hviezdoslav
(1849—1921)

En monato februaro la slovaka nacio en akcentita maniero honoris la memoron de sia plej granda poeto Pavel Országh,* skribinta sub pseudonimo Hviezdoslav, kiu naskiĝis antaŭ cent jaroj, la 2-an de februaro 1849.

Hviezdoslav estis la kolono de nia poezio post la morto de la grandaj poetoj Janko Kráľ kaj Andrej Sládkovič (apartenantaj al la tielnomata epoko de Štúr), kiuj mortis en la sepdekaj jaroj de la pasinta jarcento. Post ilia morto nia literaturo stagnis, ĉar la epoko estis por la nacio malfavorega. Kaj el tiu ĉi epoko de morteco eliris du poetoj — Vajanský kaj Hviezdoslav — kiuj levis la standardon de la slovaka poezio alten al la steloj.

Kaj ĵus per tiu ĉi esprimo estas karakterizata unu parto de la poezio de Hviezdoslav, foriĝanta de la malvirtoj de la sklaviganta feodala sistemo kaj serĉanta ĉe Dio kaj naturo konsolon kaj klarajn respondojn je siaj vivproblemoj.

La duan parton de lia verkado ni povas karakterizi kiel humanista alkliniĝo al la sortbatata slovaka nacio, al la popolamasoj, kies vivon

* pron. Orsag.

li reproduktas en siaj verkoj. Li estis firme kunkreskinta kun sia belega naskiĝregiono Orava kaj kun la sorto de sia nacio. Granda poeto li estas precipe tie, kie li ĉagrenas, ploras kaj luktas kun sia nacio.

Hviezdoslav sentis abomenon kontraŭ la hungarigita kaj hungariĝinta nobelaro, al kiu li profetis baldaŭan ekzistfinon. Li tre malfacile toleris la senmoraliĝintajn grandsinjorojn kaj la nacie ŝovinistajn metodojn de la politikaj subpremantoj. La rifuĝon el ĉiu mizero kaj malfeliĉo de sia nacio kaj eĉ persona li serĉis en profetecaj vizioj pri libereco; kiun li ĝisvivis en 1918 en la libera Ĉeĥoslovakujo kaj kiun plene ĝuas la nuna generacio. Post la komenco de la unua mondmilito nia Hviezdoslav direktis fortan poetan akuzon kontraŭ la nacioj, kondamnante la malbonon de la milito. Tamen, liaj „Sangaj Sonetoj" povis aperi nur post la milito.

En la verkaro de Hviezdoslav, rilatanta la naturon, ni trovas delikatan lirikan tonon. Li rigardas la vivan kaj mortan naturon egala kaj vestas ĝin en sian kristanan humanismon. Dum li en grandparto de siaj lirikaj verkoj montras klaran sintenon kontraŭ subpremado, en siaj epikaj verkoj li reproduktas la vivon ĉirkaŭ si kaj la naturon tiel, kiel li ilin vidas en Orava, sia naskiĝregiono. Necesas mencii almenaŭ la poemon pri la heroa kaj ĉasta edzino de arbargardisto „Hájnikova žena" (La edzino de arbargardisto) kaj la eposojn „Ežo Vlkolinský" kaj „Gábor Vlkolinský". Kaj same kiel pli frue antaŭe la eŭropaj romantikaj poetoj, ankaŭ li pritraktas poete la sorton de Kain kaj aliajn bibliajn temojn. Krom tio li skribis plurajn dramojn, inspiritajn de Shakespeare.

Hviezdoslav ankaŭ tradukis el la ĉefaj aŭtoroj de la mondliteraturoj. Ni menciu almenaŭ Shakespeare, Schiller, Goethe, Puŝkin, Mickiewicz, Slowacki, Petöfi, Arany, Madách. Per siaj tradukoj li denove pruvis, ke la slovaka lingvo, kvankam subpremata, estas kapabla esprimi la samon, kion esprimis aliaj literaturaj lingvoj de grandaj nacioj.

Per sia verko Hviezdoslav estas reprezentanto de de slovaka literatura parnasismo. Eĉ nun, post longaj revoluciaj bataloj por la nacia kaj sociala libereco lia verkaro ne perdis sian aktualecon. La entreprenata grandamasa eldono de liaj verkoj ebligos, ke lia vivoverko fariĝu spirita posedaĵo de la tuta popolkolektivo.

Honoron al lia memoro!

*K. Hodro.*

*Hviezdoslav:*

# Kondiĉoj de feliĉo

Por la feliĉo — kredas oni! —
necesas abundec' de ĉio:
juveloj, lukso sen mezur',
pluveg' da oro, plensufiĉo
da ĉia imagebla riĉo;
per polurita plank' imponi,
posedi sofojn el velur',
sur ondaj seĝoj ripozadi —,
anstataŭ volbo de l' ĉielo
skarlatan havi baldakenon;
ne ĉe lampeto aŭ kandelo
tranokti, sed sub lustroj mil,
kie forbrulas la trankvil'
kaj dorm' — la nokta papilio —;
en susuranta vest' paradi
kaj roz-odore sin pomadi;
okupi rangon kaj postenon
jam en lulil', kun grava rol'
jam ĉe l' unua ekparol';
subulojn, kiuj nur obeas
kaj sklavas, uzi piedbenke,
tre alten levi sin sur ili,
kie eĉ bird' pro lac' pereas,
kaj tie ekmajesti venke —;
kiel sanktaĵo kaj idol'
kultata esti de l' popol',
kaj en potenc' kaj gloro brili;
per unu fojo plenkonsumi
kion mil manoj kun atent'
sukcesis ŝpare kunmastrumi
kaj kion kreis jaroj cent,
tion detrui en moment',
kaprice la pokalon ĵeti
(ne elglutitan pro malĝu',
ĉar ĝi entenas ŝviton sole),
sed reŝaŭmigi ĝin laŭvole —;
kaj meze de ĥaos' kaj bru',
delogoj, kisoj, siren-voĉoj
tra l' vivo flugi kaj impeti —
fervore celi al diboĉoj
kaj frivolec'... kaj tiel plu —
jes, la feliĉo — kredas oni! —
dependas nepre de ĉi tio:
en riĉo kaj purpuro troni...

Malprave. — Tut-aliajn vere
kondiĉojn havas fart' feliĉa,
kaj kvankam estas ĝi trezor,
de grandaj senco kaj valor',
ĝi tamen estas et-kondiĉa.
Abel' ĝi estas — plej prefere
flugadas ĝi kun zum' plezura
al freŝa font' de akvo pura;
ĝin per manao nutras Dio
en la arbar', sur kampoj floraj
kaj sur deklivoj bonodoraj:
mielon suĉas ĝi, por tuj
ĝin porti al la abeluj'.
Ĝi estas najtingal' — kaj mortas
en ajna kaĝo, eĉ en ora! —
kitelon ĝi nur simplan portas;
per sia voĉo amdolora
ariojn ravajn ĝi prezentas,
se la natur' jam eksilentas
kaj eĉ vipuroj la venenaj
— la homaj pensoj abomenaj —
en siaj kavoj dormas jam;
en arbetar' ĝi kantas ĉarme,

kaj Nokto ĝin aŭskultas larme.
Eklum' ĝi estas — bril' serena
de nevelkanta flor' edena;
ĝi ŝvebas preter la kabanoj,
kaj al modestaj vilaĝanoj
en la krepusko frumatena
sufiĉas ĝia milda flam':
vigliĝas ĉiuj, kiam ili
ĝin sur fenestro vidas brili.
Timema estas ĝi birdeto,
ĝi serĉas hejmojn de l' kvieto,
anstataŭ ĉe palac' riĉula
ĝi nestas sur baril' tabula,
kaj se danĝeron ĝi suspektas,
al simpla mano de l' domano
ĝi rifuĝante sin direktas . . .
— Modera estas la kondiĉ',
ke oni vivu en feliĉ' . . . .

Se manĝas du el unu plado
kaj trinkas el kruĉeto sama,
la birdo kiel kamarado
aliĝas al konkordo ama —
kaj dum la du sin ĉirkaŭprenas,
per dolĉa kant' ĝi ilin benas.

(El la idilia eposo „La edzino de l'arbargardisto".)

Tradukis *Miloš Lukáš*.

*Julie Šupichová:*

# RIGARDO MALANTAŬEN

Verkita por Esperantisto Slovaka.

II.

Kaj nun ni rigardu la II-an jarkolekton de „Český esperantista" (1904).

Ĝojiga sukceso de virinoj! La 4-a numero de la gazeto parolas jam pri „Esperantista rondeto de Virina klubo en Muzeo de Náprstek" en Praha. La tiama sekretario de la Esperantista klubo en Praha sam. E. Kühnl paroladis en Virina klubo de la Muzeo, poste sekvis ekspozicieto de Esperantaĵoj kaj fine kurso. Pli ol 20 lernantinoj trovis Esperanton tiom alloga, ke ili fondis la *„Virinan filion"* de Esperantista klubo en Praha.

Ke ankaŭ la membrinoj de la dua, ne malpli grava „Bohema klubo virina" (Ženský klub český) en Praha interesiĝis pri Esperanto, dokumentas fakto, ke preskaŭ 100 virinoj aŭskultis paroladon de s-ano S. Kamarýt, la tiama kasisto de la Esperantista Klubo, pri signifo kaj disvastigo de Esperanto.

Labori por blinduloj — jen la nova kampo por niaj samideanoj. En la 7 (8) 9-a n-ro de „Český esperantista“ ni unuan fojon legas nomon de la senlaca pionirino kaj instruistino Ludmila Tesářová, kiu ne nur gvidas kursojn inter la nevidantaj anoj de la „Blindula instituto de Klár“, sed verkas artikolojn kaj Esperanto-vortarojn por ili.

Per tiu ĉi sciigo ni fermas la simpatian gazeton, kiu en tiu formo ne plu aperis.

La nova revuo „Časopis českých esperantistů“, oficiala organo de bohemaj esperantistoj, kies unua n-ro datas de januaro 1907, publikigis interesan artikolon sub titolo „Rememoroj de l' esperantistino“. La aŭtorino — bedaŭrinde — subskribis ĝin per literoj „M. P.“.

Sed en la Nacia kroniko de la sama numero ni kun ĝojo legas pri fondo de tute memstara *„Unua virina bohema grupo esperantista“* en Praha. Ĝia prezidantino estis s-ino antaŭlerneja direktorino kej verkistino Božena Studničková kaj sekretariino sinjorina Matylda Krausová. (Neniam mi forgesos komunan laboron kun tiuj ĉi du estimindaj samideaninoj.)

La 19. XI. 1907 aranĝis la Praha-a Esperantista klubo amikan vesperon en ĉambro de restoracio „Louvre“ (nuna klubejo de la sama Klubo) kaj tiam inter la bondeziraj salutoj estis ankaŭ tiu de la Virina grupo, subskribita de sinjorino Josefa Náprstková. Estas menciinda, ke la unuaj kunvenoj de la Virina grupo okazis en la Muzeo de Náprstek.

Numero 3-a skribas pri nova pionirino, kiu estas fraŭlino Emilie Lehnertová. Ŝi gvidas sukcesajn kursojn en Plzeň.

La 9-a numero de ČČE: Funebras la Unua virina bohema grupo esperantista kaj sciigas la legantaron pri dolora perdo de sia fondintino kaj granda amikino de nia ideo sinjorino J. Náprstková, kiu mortis la 13. IX. 1907. (Por niaj alilandaj legantoj: sinjorino J. Náprstková estis edzino de fama ĉeĥa patrioto kaj mecenato, modelo de progresema homo kaj Ĉeĥo. Li fondis la „Industrian muzeon“ kun granda biblioteko. La sinjorino J. N. sekvis lin sur kampo filantropa.)

En jaro 1908 rekomencis aperadi la gazeto „Český esperantista“ (Bohema esperantisto), kiel daŭrigo kaj 3-a jarkolekto de la unua Esperanto gazeto de Čejka. Sed ni ankoraŭ devas reveni al tiu organo de E. Kühnl, al „Časopis českých esperantistů“. Ĝi fariĝis oficiala organo le la „Bohema Unio Esperantista“.

En ĝia II-a jarkolekto numero 5 ni legas gravan sciigon, ke la Unio

starigis ekzamenan komitaton, inter kies membroj estas ankaŭ fraŭlino Emilie Lehnertová. La unua ekzameno okazis la 29. VII. 1908 kaj la unua diplomita kandidatino estis fraŭlino Františka Křivancová el Písek, kiu ricevis ateston pri kapableco instruadi Esperanton en publikaj lernejoj.

Estas memkomprenebla, ke ankaŭ la pluraj jarkolektoj de ČĈE, kiu ĉesis aperi komence de la unua mondmilito en jaro 1914, enhavas raportojn pri la agado de niaj samideaninoj — sed mi tie ĉi tuŝas nur la unuajn signojn de ilia aktiveco.

Trarigardante la renovigitan revuon „Český esperantista", kiu fariĝis oficiala organo de la „Bohema Asocio Esperantista", ni trovos novan honorigon de ĉeĥa esperantistino. Jam en la I-a numero ni legas, ke sinjorino Matylda Krausová en Praha fariĝis membro de la Asocia Lingva komitato (Ekzamena komisiono).

La 7-a numero raportas pri morto de fraŭlino Betty Vaněčková, „unu el la plej malnovaj esperantistinoj en Praha".

Per tio ĉi ni finos nian esploron.

La „Unua virina bohema grupo esperantista" propravole disiĝis. Nova tempo postulis novan laboron. Dum la unua mondmilito ariĝis ĉeĥaj samideaninoj en Praha en privata societo, nomita „Fraŭlina rondeto" (kvankam apartenis al ĝi ankaŭ sinjorinoj), kiu poste en libera Respubliko oficialiĝis kiel „Rondeto de esperantistinoj". Nia „Rondeto" estis la unua esperantista societo en la respubliko. Fondita en la jaro 1919, ĝi ankaŭ jam ne ekzistas.

Restas nur neforgesebla rememoro pri ĝiaj oferemaj kaj fervoraj samcelaninoj. Mi kredas, ke ilia laboro ne estis vana.

---

# S-anino Julie Šupichová 65-jara

Meritplena samideanino, depost longaj jaroj fervora kaj senlaca batalantino por nia afero, instruistino, propagandistino kaj verkistino, nia kunlaborantino Julie Šupichová, festis la 27an de januaro la 65an datrevenon de sia naskiĝtago. Ni salutas ŝin sincere, dezirante al ŝi por ankoraŭ multe da jaroj plej bonan sanon, bonhumoron kaj multajn sukcesojn en ŝia plua poresparanta laboro.

*Hviezdoslav:*

# Alaŭdkanto

Super mia kap' aŭdiĝas
la alaŭdo jen,
kanto ĝia kunverŝiĝas
kvazaŭ pluvo mem;
mi forpaŝos ... ne perdiĝu
tiu duŝa ban',
se alien ĝi verŝiĝos,
floros flor' por man'.

Tradukis *J. V. Dolinský.*

*Hviezdoslav:*

# Soneto

La Nokt' en nigra vest' per ruĝo ornamita,
kun nubo enrigarda kaj minac-opon'
je horizont' aperis kaj kun brua son'
„Jen estas mi!" — ekkriis ŝi kolerigita.

Kaj ŝia frato: Tag', sentante konsternita
la proksimecon de la venĝ', sen son'
la pordon rigli saltis — tarda* bon'!
ŝi ĉambron flugis tra l'fenestro malfermita.

Batal' ekestis pro hered'. Hirtinte sian
hararon oran frato-Tag', la malhumila,
jen agonias fortojn forperdinte li jam.

Fratino lia, pli furiozega ol Delila —
sub ŝia vesto estis ponardego brila:
la vesperstel' — trapikis per ĝi bruston lian.

Tradukis *J. V. Dolinský.*

* Malfrua.

*Jaromír Pavlacký:*

# MORAVIA SLOVAKIO

Mi volus diri ion pri malgranda parto de Ĉeĥoslovakio — pri Moravia Slovakio. Tiu ĉi nomo apartenas al kelkaj moraviaj distriktoj, kuŝantaj ĉe la okcidenta Slovakio. Kvankam ili estas distriktoj Moraviaj, la popolaj kutimoj kaj eĉ la lingvo de ilia loĝantaro multe similas al la kultimoj de slovakoj.

Se iu eksterlandano ion legis pri la belegaj ĉeĥoslovakaj popolkostumoj, tio koncernis certe moraviajn-slovakiajn kostumojn. Ĉiu vilaĝo havas sian propran stilon en vestado kaj ŝajnas, kvazaŭ ĝiaj kreintoj estus volintaj konkuri en beleco de la koloroj.

La poetoj nomas tiun ĉi landparton „La pentrita ĝardeno de Moravio". La plej bone konataj kostumoj estas el la ĉirkaŭaĵo de Uherský Brod, Uherské Hradiště, Kyjov, Strážnice, Velká kaj Lanžhot, dum en Slovakio al la plej belaj apartenas la popolkostumoj de Piešťany (la famekonata banloko), Čičmany, Bošáca kaj aliaj.

Ne estas eble priskribi ĉion aparte, ĉar por tio certe necesus tuta libro. Vere, multaj nacilingvaj verkoj estis eldonitaj pri Moravia Slovakio. Ankaŭ la legantoj de ES havis jam eblecon legi pri la tutŝtataj kant- kaj dancfestoj, kiuj okazadas ĉiujare en la tipa moraviaslovakia urbeto Strážnice. (La artikolo aperis en la septembra n-ro de ES, II-a jarkolekto, paĝo 110.)

La moraviaj slovakoj ĉiam tre estimis kaj ŝatis Slovakion. Ne estis ĉiam eble vizitadi sin reciproke, ĉar antaŭ la unua mondmilito limo dividis la du regionojn. Slovakoj vivis en Hungarujo kaj la moraviaj slovakoj, kiel la tuta Moravio kaj Ĉeĥio, en Aŭstrio. Tio kaŭzis, ke ili devis vizitadi unuj la aliajn sekrete. Ni pli junaj memoras nur malmulte pri tio, sed maljunaj homoj ofte rakontadas diversajn interesaĵojn, pri kies vereco atestas multaj memoraĵoj, en la profundaj arbaroj.

Proksime al la slovaka limo, je la moravia flanko, kuŝas malgranda vilaĝo Javorník, ĉe kiu komenciĝas la arbaroj de la montaro Karpatoj. Kvar kilometrojn de la vilaĝo estas profunda, mallarĝa valo, nomata Filipov. Je la fino de la valo staras malgranda ĉaskabano, sur kiu estas jena surskribo:

*„Popolkunvenoj por alproksimiĝo de la hungarlandaj kaj moraviaj slovakoj okazadis sub la gvido de ThDr. Jozef M. Hurban, evan-*

*gelika pastro el Brezová (Slovakio) ek de la jaro 1882. Post lia morto (21. II. 1888) gvidis la kunvenojn Burĝa interparola societo el Uherské Hradiště, pli poste Burĝa societo el Uherský Ostroh kaj Strážnice. La lasta kunveno kaj ekskurso okazis en la jaro 1894.“*

Sur la alia flanko de la kabano estas sur la muro la plastika plakbildo de Hurban kun surskribo: *ThDr. Jozef Miloslav Hurban, 1817—1888.“*

Dum la dua mondmilito 1939—45 estis la limo denove fermita, sed tra la valo Filipov gvidis denove vojo de multaj ĉeĥoj kaj moravianoj tra Slovakujo, Hungarujo, Jugoslavio, Grekujo al Francujo kaj Anglujo, kien ili rifuĝis sin por batali tie por la libereco de sia patrujo. Sed la trairo estis pli malfacila kaj pli danĝera ol dum la kunvenoj de niaj patroj. La limon forte gardis germanaj limsoldatoj kaj eĉ eniri en la valon estis malpermesite. Sed ankaŭ inter tiuj ĉi limgardistoj estis kelkaj, kiuj permesis „serĉi fungojn“ en la Filipov-vala arbaro, malgraŭ tio, ke ili bone sciis, ke la „fungoserĉantoj“ aperos poste en Anglujo. Bedaŭrinde, ne ĉiuj estis tiaj kaj multaj junaj homoj trovis la morton en la arbaro aŭ en malliberejo.

En la ĉaskabano vivis de longa tempo en soleco maljuna virino, nomata Megová, iama ĉefservistino en la kastelo de Strážnice. Laŭdire ŝi ricevis la kabanon donace de tiama grafo por siaj servoj.

Dum la trapaso de la fronto, la menciita kabano forbrulis. Nun ĝi estas renovigita kaj sur ĝi estas la plastiko kun la surskribo, kiu konserviĝis en originalo.

La valo Filipov estas nun multe vizitata ripozloko kaj la nombraj vizitantoj ornamas la forlasitan tombon de rumana soldato, kiu mortfalis ĉi tie dum la batalo en la valo kaj sur kies lignan krucon liaj kamaradoj skribis:

*Batal 22. V. M. Eroul Caporal Dancea V. Jon CTG 1925 — Mort 10. IV. 1945.*

Kompreneble, tiu ĉi soldato ne estis la sola, kiu trovis morton en tiu ĉi bela valo, ĉar multaj sennombraj nekonataj herooj dormas sian eternan sonĝon tie, malproksime de sia hejmo, oferinte siajn vivojn por nia libereco. Honoron al la memoro de la rusaj, ĉeĥoslovakaj kaj rumanaj heroaj liberigintoj!

Ne eblas priskribi komplete Moravian Slovakion per vortoj. Estas necese ĝin vidi. Venu, karaj gelegantoj en- kaj eĉ eksterlandaj, vizitu tiun ĉi regionon dum la venonta somero okaze de la plej proksimaj kant- kaj dancfestoj en Strážnice. Vi vidos kaj konvinkiĝos.

*Milda Jakubcová:*

# Ŝtelisto

*Antaŭ milito mi vizitis mian patrujon — Sukcenlandon. Mi estis invitita pasigi le someron en familio de direktoro Dzelme. Lia vilao troviĝis sur bordo de lago, ĉirkaŭita de granda parko, kiu etendiĝis laŭlonge de la lago.*

*Ĝuste dum la tagmezo mi alveturis per aŭtobuso kaj ĉe la haltejo apud arbaro mi sola elaŭtiĝis. Neniu min atendis. Kvankam mi skribis al sinjorino Dzelme, ke en plej proksimaj tagoj mi alveturos, ŝi tamen ne sciis la precizan daton kaj per kiu aŭtobuso mi alveturos.*

*La grandajn valizojn mi restigis en urbo ĉe mia frato, nur kun kofreto kaj teko en manoj, kie troviĝis slovakaj brodaĵoj, keramiko kaj ĉeĥaj grenatoj, por pridonaci miajn amikojn, mi paŝis ridetante tra la arbaro.*

*„Ho, patrujo, amata, mi salutas vin“ — kantis mia animo. Ŝajnis al mi, ke mi ĝin ne vidis tutan eternecon.*

*La tagmeza suno senkompate varmigis la teron. La rezino odoris. En la suno degelinta ĝi fluis laŭ la brunaj trunkoj de la pinoj kaj plenigis tutan arbaron per mirinda elvaporaĵo de aromo, kiun la suno incesis je glorigado de la ĉielo. Ĉirkaŭe regis silento, nur la sekiĝintaj folioj susuris, kiam sur ilin falis iu arbŝelo. Ie tre malproksime estis aŭdebla kverado de sovaĝaj kolomboj.*

*Mi alvenis al krucvojo kaj eksidis sur malnovan, larĝan stumpon de la trunko, kiu eble troviĝis ĉi tie jam dum multaj jaroj. La sola bruo, kiun mi aŭdis, estis miaj propraj korbatoj.*

*Subite mi ekaŭdis ies paŝojn. Antaŭ mi aperis juna viro kaj demandis min, kien mi iras. „Ĉu vi gardas la arbaron kaj ĉu ĉi tiu irvojeto estas malpermesita al privataj presonoj?“ mi respondis.*

*„Ne, mi nur deziras scii, ĉu vi ne devojiĝis. Antaŭ kelkaj tagoj estis ĉi tie priŝtelita kaj mortigita unu virino. Vi certe havas kune iujn valoraĵojn kaj monon, oni povas vin facile priŝteli en arbaro. Donu al mi vian kofreton, ke vi ne laciĝu kaj mi vin laŭ plej rekta vojo elkondukos el la arbaro“ — atakis min la fremdulo. Mia bona humoro malaperis kiel suno sub nigra drapo de la nubego.*

*„Mi vian helpon nek petis nek bezonas. Iru vian vojon kaj ne zorgu*

*pri mi. Kien mi iras, ne estas via afero kaj cetere, korpgardiston mi ne bezonas, ĉar mia edzo venas post mi. Li havas kune revolveron, se iu min ekĝenus, li jam scios, kion fari“ — mi mensogis al tiu altrudiĝemulo. Sed li ne cedis. Li ĉirkaŭrigardis, dezirante konvinkiĝi, ĉu iu ne venas, kaj subite elprenis el mia mano kofreton. Nun mi sciis, ke mi vere renkontis ŝteliston. En la kofreto mi havis la donacojn, en teko mian pasporton kaj monon. Kion fari? Krii ne havus sencon, ĉar meze de la arbaro neniu min aŭdus. Kvazaŭ legante miajn pensojn li diris: „Ne timu sinjorino, ankaŭ mi havas kune revolveron“. Post ĉi tiuj vortoj li elprenis el sia poŝo revolveron kaj celante je unu el la arboj ekpafis.*

*„Kia heroo vi estas, se vi vundas arbon, kiu nenion malbonan kaŭzis al vi“ — mi penis per ĉi tiuj vortoj kaŝi mian timon.*

*„Ĉu la pafcelo estu via koro?“ kun ironia rideto demandis min la ŝtelisto. Mi jam timis inciti la kanajlon kaj nur senĉese mi rerigardis, kvazaŭ vere mi atendus mian edzon. Kaj efektive, post kelkaj minutoj mi ekaŭdis paŝojn. Sur la vojo aperis du virinoj. Mi eluzis la momenton kaj vokis renkonten al ili:*

*„Helpu al mi — jen ŝtelisto.“ Apenaŭ finsonis mia ekkrio, la ŝtelisto kun mia kofreto estis jam for. La virinoj povis nur konsili al mi, ke mi senprokraste sciigu la okazintaĵon al polico.*

*Duonmorta mi atingis la vilaon de la familio Dzelme. Ili min ĝoje bonvenigis, sed kiam mi rakontis al ili la malgajan historion kun la ŝtelisto, s-rino Dzelme alportis al mi iun amaran kuracilon por trankviligi miajn nervojn.*

*Kiam oni min venigis en manĝejon, ĉirkaŭ la tablo sidis jam aliaj gastoj. Denove mi devis rakonti pri mia malagrabla aventuro en la arbaro. Apenaŭ ni komencis tagmanĝi — malfermiĝis la pordo kaj . . . en la ĉambron venis la ŝtelisto. Tute ekscitita mi ekstaris kaj diris: „Jen, jen la ŝtelisto.“ Unu el la gastinoj, edzino de profesoro, diris: „Sed s-ino, ĉu vere tiu estas la ŝtelisto? Li ja estas mia filo. Rigardu lin bone, lia aspekto ja estas tiel honesta kaj inteligenta.“*

*„Bedaŭrinde multaj ŝtelistoj aspektas honeste kaj inteligente“ — mi respondis.*

*Ĉiuj gastoj havis grandan amuzon, sed mi estis tute konfuzita.*

*Kio do fakte okazis? F-ino Dzelme vizitis mian fraton por ekscii precizan daton de mia alveturo. La junulo, studento de juro, fanfaronis, ke*

*laŭ fotografaĵo li min ekkonos kaj ke li min unua bonvenigos en la arbaro, kaj iris renkonten al mi.*

*Plej ĝoja por mi estis la momento, kiam mi denove tenis en miaj manoj la „forŝtelitan“ kofreton kaj povis disdoni la memoraĵojn. Vespere invitis min gepatroj de la „ŝtelisto“ viziti ilin. La estonta juristo ricevis kromnomon — „ŝtelisto“. Ĉi tiu nomo restis al li ĝis nun.*

# Esperanto-vortaro kiel logbirdo

En Japanio dum la lasta milito esperantismo estis suspektata kaj persekutata kune kun aliaj progresemaj kaj pacamaj ideoj. Eĉ la agado de kelkaj reakciuloj, kiuj utiligis Esperanton por konduki ŝovinisman propagandon per ĝi kaj la koketado de kelkaj neŭtralaj gvidantoj por „savi Esperanton“ ne helpis turilate. Esperantistoj restis nefidindaj kaj eĉ suspektindaj homoj en la okuloj de „tokko“ (japana sekreta polico), kiu kiel la maljuna sorĉistino el fabelo insidis ĉie por logkapti „danĝerajn homojn“. Tion atestas jena rakonto de Iĉitaro Kokubu, konata pedagogo kaj infanliteraturisto, pri sia mortinta amiko Ŝiniĉi Ito, publikigita en „Kita no Kjoŝicu“ (Norda lernočambro), gazeto en nordorienta Japanio sub la titolo „Vortaro kiel logbirdo“:

Ŝiniĉi Ito estis popollerneja instruisto en nordorienta provinco. Li estis fervora esperantisto kaj senlace propagandis la novan lingvon. Lia amata frazo estis: „Oni diras ke la vero ĉiam venkas—el la Ekzercaro.“ En 1940 li estis arestita de „tokko“ kaj devis sidi en malliberejo dum du jaroj, pro kio li malsaniĝis kaj estis lasita reveni hejmen. Iun tagon dum sia promeno li kun miro trovis ĉe malnovlibrejo de la urbo sian malnovan esperantan vortaron, konfiskitan okaze de lia arestigo. Sed ankoraŭ pli granda estis lia miro kaj indigno kiam li eksciis konfidence de la librovendisto, ke la „tokko“ konfidis al li la vortaron tiel ke se iu volos aĉeti ĝin, li ne vendu; sed demandu lian nomon kaj adreson kaj informu la sekretan policon! Ho, kiom da senkulpaj homoj estis logkaptitaj tiamaniere dum la milito! Feliĉe la milito finiĝis kun kapitulaco de japanaj imperialistoj, kiuj nur per teroro kaj mensogoj tenis sian kadukan reĝimon. Nia samideano kaj kamarado povis ĝisvivi tiun tagon, sed ho ve, li mortis la sekvintan monaton, nome septembron 1945, pro la malsano kaŭzita de malliberigo.

El „Nova fronto“ kompiltradukis T. Kurisu, Osaka.

# Miaj karaj ĉerizetoj . . .

Slovaka popolkanto.













Miaj karaj fragofruktoj, abunde
vi akvegon falis ĉiuj ĝisfunde;
[:kiu trovos vin, tiu havu vin,
nur ne faru maljustaĵon al la karulin'!:]

Miaj karaj frambofruktoj, vi ial
deruliĝis profundaĵon de la val';
[:kiu trovos vin, tiu havu vin,
nur ne faru maljustaĵon al la karulin'!:]

Miaj karaj rubusberoj, ha vi jen
are falis al la puto sur-funden;
[:kiu trovos vin, tiu havu vin,
nur ne faru maljustaĵon al la karulin'!:]

Tradukis *J. V. Dolinský.*

---

*Hviezdoslav:*

# El „Sangaj sonetoj“

Homaro! homoj! ho, kiel fore
estas vi nun de l' leĝo de Sinjoro:
*Amu la kunhomojn! — per tuta koro*
*kaj sen escepto, plene kaj fervore!*

Kial Li venis, vivis sur la tero,
mortis pro granda al homar' kompato,
se hom' preparas nun al sia frato
morton, ŝanĝante teron je infero?

Sciencoj viaj senvaloraj estas,
se blindigas kaj regas vin pasioj
kaj vi agas laŭ maniero besta;

ornamu vi vin per ĉielstrioj —
tamen vi punpagos por la malhonesta
senckripligo de la evangelio!

El la slovaka tradukis EVT.

*St. S.:*

# Slovakaj proverboj

(Daŭrigo.)

*Pri beleco. — O kráse.*

1. Superflua la beleco, kie mankas la saĝeco.
(Škoda tomu krásy, kto rozumu nemá.)
2. Kiam velkas la beleco, tiam kreskas la saĝeco.
(Keď krásy ubúda, rozumu pribúda.)
3. Ne daŭras beleco, sed nur honesteco.
(Nežije krása, ale poctivosť.)
4. Kiu volas trovi belon, bonon, tiu devas iri longan vojon.
(Za pekným a dobrým ďaleko treba chodiť.)

*Pri amo. — O láske.*

1. Kion amo faras, tre ofte domaĝas.
   (Čo láska robí, to často škodí.)
2. Por patrin' ĉiam aminda estas infano eĉ blinda.
   (Materi je decko milé, čo by hneď i slepé bolo.)
3. Hundoj la saman oston lekantaj fariĝas baldaŭ akre kverelantaj.
   (Keď dvaja psi jednu kosť ližu, skoro sa o ňu pobijú.)
4. Fiŝo akvon deziras, knabin' je knab' sopiras.
   (Mrie dievča za šuhajom ako ryba za vodou.)
5. Oni ne povas eviti amon same kiel nazkataron.
   (Láske a nádche sa nikto neubráni.)

*Pri la koro. — O srdci.*

1. Bona koro — pli ol oro.
   (Dobré srdce je nad zlato.)
2. Se la koro ne doloras, ankaŭ okuloj ne ploras.
   (Keď srdce nebolí, oči neplačú.)
3. Kion okuloj ne vidas, tion koro ne priploras.
   (Čo oči nevidia, to srdce nebolí.)
4. Se la koro doloras, dolorego ĝin boras.
   (Keď srdce bolí, veľmi bolí.)
5. Kion okuloj ekvidas, tion koro deziras.
   (Čo oko uvidí, to si srdce zažiada.)
6. Kio en la koro bolas, tion vizaĝ' montri volas.
   (Čo sa v srdci varí, zjaví sa na tvári.)
7. Kion okuloj ne vidas, tion koro ne deziras.
   (Čo oči nevidia, to srdce nežiada.)
8. Kio ne venas el koro via, tio ne penetras al koro alia.
   (Čo nejde od srdca, to nejde do srdca.)
9. Kion sobrulo en koro kaŝas, tio ĉe ebriulo sur lango paŝas.
   (Čo má triezvy na srdci, to má opitý na jazyku.)
10. Kolero, eĉ se forpasas, malamon el koro lasas.
    (Hnev pominie, ale nenávisť v srdci ostane.)
11. Kiu edziĝas, al koro ĝojon, al kapo zorgon okazigas.
    (Kto sa žení, robí srdcu radosť a hlave starosť.)

(Daŭrigota.)

# Korekto

En la januara n-ro de ES ni sur la paĝo 6 publikis nacian kanton „Sepdek jupojn . . .", ĉe kiu staris *erare* la indiko, ke la tekston tradukis s-ano J. V. Dolinský. Nun s-ano Dolinský sendis al ni *sian tradukon*, kaj ĉar *ĝi estas multe pli bona laŭ ritmo* kaj do multe pli bone kantebla, ni enpresas tiun ĉi kanton kun la nova teksto.

S-anon J. V. Dolinský ni petas, ke li bonvolu pardoni al ni la kaŭzitan miskomprenon kaj niajn legantojn ni petas, ke ili forgesu la unuan tekston kaj bonvole ellernu tiun ĉi duan. Dankon!

## Jupojn sepdek...

### Slovaka popolkanto

Gaje.



Jup - ojn sep - dek ja ŝi hav - is,



ta - men ŝi nen - i - un rav - is; hav - o mi - a:



jup - o sol - a —, al Vi-en' min o - ni vol - as.

Milojn sepdek ja ŝi havis,
tamen ŝi neniun ravis;
havo mia: preskaŭ nulo —,
svatis min eĉ lipharulo.

Ĉe fenestro li saltadis,
groŝojn kvar li proponadis —:
„La filinon al altaro
donu al mi por groŝkvaro."

*Tradukis J. V. Dolinský.*

# Esperantisto kaj mallongondaj dissendadoj

En la gazetoj „Esperanto“ (n-ro 509/48) kaj „La Interligilo“ (n-ro 208/48 — URSS) mi legis artikolon de nia radioamatora samideano A. Siromjatnikov (Leningrad-Sovetunio) pri mallongondaj amatoraj dissendadoj. La aŭtoro rimarkigas: „Esp.-aj asocioj en ĉiuj landoj devas interkonatiĝi kun siaj landaj radio-amatoraj ligoj, asocioj aŭ kluboj por trakti kaj interkonsenti pri praktika enpenetro de Esperanto en la radioamatoran komunikadon por doni al la radioamatoroj la solan komunan kaj facilan lingvon por praktika uzado.“

Bedaŭrinde, mi ĝis nun nenion aŭdis aŭ legis pri la menciita afero en gazetoj ekster la supre nomitaj. Kial? Tial, ke niaj gesamideanoj ne dediĉas specialan atenton al tiu ĉi fako! Sed pripensu, kiel bele estus ĉiutage paroli kun gesamideanoj el Aŭstralio, USSR, Afriko, Ameriko ktp. Jam ni ne bezonus atendi je respondo 4 monatojn, ĉar ni povus aŭdi ĝin tuj.

Kiel oni povas fariĝi amatoro de mallongonda dissendado? Oni devas aliĝi al Asocio por mallongondaj amatoraj dissendantoj (ĉe ni: Praha-II., Václavské nám. 3.) aŭ ĉe la Loka grupo. Al ekzameno oni anoncu sin ĉe la Direkcio de poŝtoj kaj telegrafoj en Bratislava el jenaj objektoj:

I. Praktika parto: ricevadi 60 literojn laŭ la Morsea alfabeto dum unu minuto kaj dissendi ankaŭ 60 literojn per la Morsea ŝlosilo. — Praktikaj laboroj ĉe la aparato.

II. Teoria parto: ĝenerala elektrotekniko, ĝen. radiotekniko, leĝoj por amatoraj dissendantoj.

Post la ekzameno oni ricevos licencon kaj vokan signon (ekz. en ĈSR: OK 3 CYY).

La dissendado sen koncesio estas malpermesita (eĉ severe punota!)

S-ano A. Siromjatnikov menciis ankaŭ la „Z-kodon“, „L-kodon“ ka la radio-ĵargonon.

| | | |
|---|---|---|
| Q | — | kodo |
| Qra? | — | Kia estas la nomo (loko) de via stacio? |
| Qra | — | La nomo de mia stacio estas — — — |
| QRI? | — | Ĉu mia tono estas bona? |
| QRI | — | La tono de via sendilo ŝancelas. |
| QRU? | — | Ĉu vi havas ion por mi? |

QRU — Mi havas nenion por vi.
(Kun demandsigno estas demando. Sen demandsigno estas respondo).
Radio—ĵargono:

| | | | |
|---|---|---|---|
| de | = el | TNX | = mi dankas |
| MNI | = multe | YL | = fraŭlino |
| OM | = kara amiko | WX | = vetero |
| OW | = kara amikino | CQ | = ĝenerala alvoko |
| RST | = skalo | | |

legebleco = R = 1 — 5
forto = S = 1 — 9
tono = T = 1 — 9

Ekzemple: RST 578 = Bonege legebla; tre laŭte aŭdeblaj signaloj; bona samforta tono.

Mallongigoj; ekzemple
? aa = ripetu ĉion post la vorto...
aa = mi ripetas
ba = mi petas ripetu
? WB = ripetu la vorton antaŭ la vorto... ktp.

Entute ni havas proksimume: 26 literojn, 10 numerojn, 20 dividstrekojn, 40 L-kodojn kaj 100 mallongigojn.

Mi proponas:

1. Esperantistaj asocioj de unuopaj ŝtatoj ekinterrilatu kun la Unuiĝo de mallongondaj radioamatoroj, kaj petu la validajn regularojn por represi ilin en la gazetaro.

2. UEA formu specialan fakon por mallongondaj radioamatoroj.

3. UEA ekinterrilatu kun IARU (International Amateur Radio Union) kaj ellaboru fakesprimaron.

4. En unuopaj landoj elektu delegitojn por mallongondaj amatoroj.

5. Starigu radiostaciojn kun ĉiutaga programo por esp-istaj mallongondaj radioamatoroj.

Samideanoj el la tuta mondo aliĝu al mallongondaj amatoraj dissendantoj! Radioamatoroj esperantistaj el la tuta mondo unuiĝu! Vivu Esperanto, vivu la mallongonda radioamatoreco!

*Stefano Tóth.*

---

3A SLOVAKA ESPERANTO-KONGRESO
okazos en Bratislava fine de julio 1949.

Adreso por ĉiuj korespondaĵoj: *Loka Kongresa Komitato de la 3a Slovaka Esperanto-Kongreso, Bratislava, Zámočnícka 8/I.* Tie petu ankaŭ aliĝilojn.

# Parolas SEI

EN INTERKONSENTO kun la ĝisnuna peranto de E. S. por Nederlando s-ano I. Schoon en Haarlem, tiun ĉi funkcion transprenis *Esperanto-Film-Grupo*, Antwerpsestraat 45, Bergen-op-Zoom. Al s-ano Schoon sinceran dankon por la farita laboro!

NI DEVIS FORIGI grandan nombron da adresoj el la sliparo de la personoj, kiuj ricevadis ES. Ni elvicigis tiujn, kiuj ne pagis. La preskostoj pligrandiĝas, ni devas pagi novajn impostojn — sume la kostoj de ES plialtiĝis je 25%. SEI ne estas bonfara instituto kaj ne povas sendadi ES al parazitoj de la movado, kiuj estas esperantistoj nur tiagrade, ke ili esperas profitaĉi de alies klopodoj kaj laboro.

KARAJ LEGANTOJ, ni senĉese ricevas esprimojn de via aprobo kaj laŭdo por ES. Ni dankas al vi. Kaj ni petas vin, ke vi al viaj belaj vortoj aligu ankaŭ bonan faron: bonvole varbu novajn abonantojn por ES. Al vi ĝi kostas nenion, ĉar ĝenerale post kiam vi montris ĝin al persono ĝin ĝis nun nekoninta, ES venkas. Varbinte novan abonanton vi helpas al ES kaj havigas daŭran fonton de plezuro al viaj amikoj. Kaj ankaŭ vi povas ĝoji, ke vi faris duoble bonan faron — kaj tiam la ĝojo estas triobla.

KOREKTO. La loĝloko de s-ano D. Prandorfi, kiu kolektis por ES donacon de 1.510.— Kčs, estas ne Světec, sed Otrokovice. Ni petas lian pardonon pro la kaŭzita eraro.

NI RIPETAS, ke ni ne povas helpi ĉe vojaĝoj eksterlanden, nek helpi ĉe akiro de pasporto, nek doni rekomendojn por la pasportaj aŭtoritatoj. Nek karavano al la 34a Universala Kongreso estas aranĝata de SES. Ĉiu devas klopodi mem.

ORGANIZA FAKO DE SES petas ĉiujn membro-abonantojn, ke ili bonvolu pagi la kotizon (Kčs 100.—) laŭeble je unu fojo, en unu sumo. Tio ŝparas laboron kaj ebligas pli bonan kontrolon. Dankon!

NI DANKAS por monhelpo al jenaj ges-anoj: *D. Prandorfi,* Otrokovice, 30.—, *M. Verešvárska,* Verešvár, 50.—, *K. Profous,* Varnsdorf, 40.—;

AVIZO: f-ino Valborg Caesar, Skövde, Svedujo; *Rhos E.-Group,* Wrexham, Anglujo; *M. Ronsmans,* Bruxelles, Belgujo: viaj sendaĵoj ricevitaj en ordo. Dankon!

ATENTIGO. Depost nun ĉiuj artikoloj kaj sciigoj, aperigotaj en ES, devos nin atingi antaŭ la 1-a de la monato, por ke ni povu ilin redakti kaj prilabori. Helpu ankaŭ ĉi maniere pliakuratigi la aperadon de nia revuo. Dankon!

---

## 34A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

okazos ĉi jare en Bournemouth, Anglujo, en la tagoj 6-13 Aŭgusto 1949.

Ĝis la 4a de februaro aliĝis 941 personoj, el ili 6 el Ĉeĥoslovakujo. En la urbo Bournemouth okazas nun pluraj kursoj por ĉirkaŭ 400 personoj. Ankaŭ la vicurbestro kaj lia edzino partoprenas kurson.

## NI RICEVIS

KANTARETO. Ĉeĥoslovakaj popolaj kantoj esperantigitaj de Jan Filip kaj Karel Filip. 2a pliigita eldono, 1948. Eldonis Fr. Buhr, Praha-XVIII. Bělohorská 514. Poŝformato, 64 pĝ, Kčs 45.—.

La ĉeĥaj esperantistoj povas en la jaro 1948, fieri pri du eldonaĵoj de fratoj Filip: la Granda vortaro Esperanta-Ĉeĥa kaj la ĉi supre indikita Kantareto. Kaj ni devas ĝoji pro la apero de la kantareto, kies bezono en ĉeĥaj kaj slovakaj Esperanto-kluboj estis ja multe sentata.

La kantareto enhavas 60 kantojn, parte popolajn, parte popoliĝintajn artkantojn de konataj komponistoj. Ĝenerale la tradukoj estas bone faritaj, kelkaj estas bonegaj, apenaŭ pli fidele kaj pli majstere tradukeblaj; tiuj ĉi estas agrable kanteblaj. Tamen eniĝis ankaŭ kelkaj eraroj, precipe koncerne iom liberan tradukon, malkorektan tempodaŭron de kelkaj kaj ankaŭ la melodion de kelkaj kantoj. Tamen malgraŭ tiuj ĉi eraretoj la Kantareto estas tre bela kaj utilega verketo, kiu meritas esti posedata kaj amata de ne nur ĉiuj Esperanto-grupoj, sed ankaŭ de ĉiuj kantoŝatantaj unuopuloj esperantistaj. Gratulon nian al la verkintoj kaj eldonisto. (Havebla ĉe Fr. Buhr, Praha XVIII, Bělohorská 514.)

Dr. Esperanto MEĴDUNARODNYJ JAZYK Predislovie i Polnyj Učebnik. Por Rusoj. 1887.

Kun la supre indikita titolo, ja rusprese, aperis la 21-an de majo 1887 la unua libro de internacia lingvo Esperanto. Tiu ĉi 40-paĝa broŝureto estis la „sinapa grenero", kiu de tiam, semita en la homaj koroj, elkreskis je granda arbo literatura; ĝi estis la broŝureto, kiu entuziasmigis Leon Belmont (Leopold Blumental) al profetaĵo adresita al la aŭtoro: „Vi venkos, sinjoro!"

En la ĵus pasinta jaro 1948 Vilho Setälä represigis en Helsinki la broŝureton en 250 numerigitaj faksimilaj ekzempleroj aldoninte Esperantan tradukon de unuopaj ruslingvaj ĉapitroj. Ĉimaniere li komprenigis al la nerusa leganto la tutan enhavon de la historia broŝureto.

Post la Antaŭparolo (Predislovie), en kiu la aŭtoro klarigas la problemojn de „lingvo tutmonda", sekvas tri ĉapitroj markitaj simple per romaj ciferoj. Inter la II. kaj III. ĉapitroj estas interkojnitaj kelkaj literaturaĵoj, nome: *I. Patro nia. II. El la Biblio.* (Genezo I, 1—10. versoj) *III. Letero. IV. Mia penso.* (La konata poemo de Zamenhof) *V. El. Heine.* (En sonĝo mi princinon vidis) *VI. Ho, mia kor'*, post kiu sekvas la III. ĉapitro de la broŝureto.

Sur paĝoj 31—34 troviĝas t. n. *Promesoj*, kiuj estis siatempe sendotaj al la aŭtoro Dro Esperanto. Kaj sur paĝoj 35—40 estas presita la fundamenta gramatiko de Esperanto.

Al la broŝureto estas aldonita 12-paĝa vortareto Esperanta-Rusa.

Por lingvistoj, propagandantoj kaj libroamantoj la broŝureto estas vere interesa kaj valora. *—ský.*

Esperanto-Instituto „Malnova Turo", Eindhoven, Nederlando, eldonis por katolikoj jenajn foliojn kaj bildetojn: 1. Patro Nia, Saluton Maria kaj Bona Jesu' (ĉiuj sur unu folio, enkadrigebla), prezo gld. 0,10 (3 pecoj por 1 respondkupono); 2. deklaro dulingva pri aparteno al roma katolikismo; 3. bildeto de

S. Venceslao; 4. bildeto de Jesu-infaneto de Praha. La du lastaj surhavas dorsflanke preĝojn.

## EL ESPERANTUJO

EAČSR havos sian kongreson ĉi jaran dum Pentekosto, la 4—6an de junio en Liberec.

### 3a regiona kunveno esperantista en Olomouc.

La 3a kunveno de la esperantistoj de la regiono XVI (Olomouc) okazis la 12an de decembro 1948. Prezidanto de la 3a regiona kunveno fariĝis ĉiesvoĉe s-ano Jeřábek, distrikta peranto de Prostějov. La plej grava tasko de la regiona kunveno estis trovi novan taŭgan personon por la funkcio de la regiona peranto, ĉar la lasta re-pe s-ano Blažek en aprilo demisiis. Post longa pritraktado estis akceptita propono, elekti krom unu regiona peranto ankoraŭ du aliajn samideanojn kiel liajn anstataŭantojn. En la voĉdonado estis akceptita kiel regiona peranto s-ano PhDr. Bohuslav Žáček, kiel anstataŭantoj: s-ano Jaroslav Karhan, kaj s-ano Bohuslav Novotný, kiel ilia konsilanto s-ano Vlastimil Blažek. Ĉar laŭ la leĝa propono la teritorio de la regiono de Olomouc estos ŝanĝita, la kunveno decidis baldaŭ post la ekfunkcio de la nova administra sistemo kunvoki novan regionan kunvenon, kiu denove pritraktus la funkcion de regiona peranto.

La plej grava tasko por la plej proksima estonteco estas renovigi kaj kompletigi la aron de la disktriktaj perantoj tiel ke ĉi tiu funkciulo de la esperantista movado estu kaj ankaŭ laboru en ĉiu administra distrikto de la regiono Olomouc.

La kunvenintaj gesamideanoj pritraktis la neceson fondi sekciojn de junularo ĉe la kluboj kaj lokaj grupoj, la eblecon por propagando de esperanto inter la fervojistoj kaj ili menciis pri la bonaj efikoj de la informa bulteno „Esperanto-servo“ kaj de la esperantista traduko de la konstitucio de nia ŝtato en la eksterlando. Al la ministerio de informoj, kiu ebligis eldoni ilin, la kunveno alsendis specialan dankleteron. Estis forsendita ankaŭ salutletero al vidvino de mortinta s-ano Nežil honora prezidanto de Esperantista societo en Olomouc, al s-anino Santreuil al Parizo kaj al geedzoj Nanev, kiuj sukcesplene koncertas nun en Svedujo.

**Veselí nad Moravou**, moravia-slovakia urbeto je la okcidenta fino de fervojo Nové Mesto nad Váhom—Veselí nad Moravou, fariĝis ekde la Nova jaro distrikta urbo. La loka kultura komitato decidiĝis aranĝi kiel unuan „distriktan“ paŝon, 10-semajnan esperantan kurson. Ĝi komenciĝis la 17-an de januaro kaj aliĝis 24 partoprenantoj, sed jam post la unua leciono pligrandiĝis la nombro je 35 anoj. Gvidas s-ano Pavlacký. Ni el Veselí nad Moravou sincere salutas la plej proksiman slovakan klubon en Nové Mesto nad Váhom kaj bedaŭras, kde ni nenion scias pri esperanta movado je la mezo de la menciita fervojo, en Myjava. — Eventualajn esperantligvajn adresojn bonvolu sendi je adreso: Popola lernejo kultura — Lidová škola osvětová, Veselí nad Moravou, ČSR.

**Uherské Hradiště**. Moravia-slovaka esperantista klubo en Uh. Hradiště

aranĝas kurson, kiun partoprenas 15 anoj sub gvidado de f-ino R. Vilémová.

**Brno-Židenice** elektis la 16-an de februaro t. j. novan estraron: prezidantino Milda Jakubcová, vicprezidanto Arnošt Balaš, sekretario Mirek Novák, kasisto Karel Touchin, revizoroj Jan Šereda kaj Frant. Zelníček, anoj de estraro: František Jakubec, Jan Strejček kaj Božena Hlaváčová. La korespondaĵojn sendadu nun al la adreso de prezidantino Milda Jakubcová, Brno-XV, Potácelova 70, aŭ de la sekretario Mirek Novák, Brno-XI, Jiráskova 50.

*Sukcesplena entrepreno.* Esperanto-Klubo en Brno-Židenice aranĝis ekspozicion la 18—19an de oktobro 1949. Vizitis ĝin preskaŭ 1500 personoj, ankaŭ lernantoj de du lernejoj, akompanitaj de siaj instruistoj. Pri la ekspozicio tre meritis geedzoj Jakubec kaj s-ano V. Falta. Materialon liveris parte klubanoj, parte slovakaj kaj eksterlandaj amikoj, kiuj ĉimaniere akceptu la plej koran dankon.

FRANCUJO. La esperantaj gazetoj *Franca Esperantisto* kaj *Kompreni* kunfandiĝis kaj aperos provizore sub duobla titolo. Ĝi signifas plian paŝon al plifortiĝo de la franca movado. La adreso de la nova gazeto: 34, Rue Chabrol, Paris 10e.

ĈILIO. Laŭ sciigo de Franca Esperantisto s-ro A. B. Valdés, direktoro de la sezonaj lernejoj de la ĉilia ŝtata universitato, enkondukis instruadon de Esperanto en kvin sezonaj lernejoj. Bedaŭrinde la FE ne mencias la lokon de la kursoj. Interesa estas, ke en Ĉilio someraj kursoj okazas *en januaro!*

FERVOJISTOJ. „Inernacia Federacio Esperanta Fervojista“ okazigos sian unuan kongreson en Aarhus, Danlando, la 22-27an de majo 1949. Aliĝiloj kaj ceteraj informoj estas riceveblaj ĉe *Johs. Christoffersen,* Hallssti 43, AARHUS, Danlando.

*Germana instruisto skribas:* „Admirante ni vidas konstrui vin vian novan vere socialan ŝtaton, sciante ke ĉefaj progresaj fortoj de socialismo estas via junularo. Ankaŭ ni konfesas al tiuj progresaj fortoj sub la konduko de granda USSR! La brava „Komsomol“ estas modelo por ĉiuj socialaj junuloj. Sed ankaŭ en okcidentaj landoj estas sufiĉe da amikoj de USSR. Eble ni havas la noblan taskon: esti la ponto inter oriento k. okcidento, por ke la rekonstruo de socialaj popoldemokratujoj ne estu endanĝerigita! Mi estas instruisto kaj edukas en tiu senco. Ĉu vi konsentas? Nun mi petas, peru al ni korespondantojn! Josef Steppan, (15b) KAHLA (Thür.), Rudolfstädterstr. 1, Germanujo, Sov. Zono.“

POHĽADNICE Z TRENČÍNA.

Objednajte si pre seba a pre svojích zahraničných dopisovateľov

*pohľadnice s esperantským textom,*

s motívami z Trenčína a Považia (hrady, kroje). Prevedenie: lesklé (fotografie) a hlbokotlačové.

Cena: 1 seria Kčs 30.— poštou vyplatene, 1 kolekcia Kčs 150.— poštou vyplatene.

Ak oznámite adresu Vášho dopisovateľa, dostane zásielku priamo.

Pohľadnice pošleme obratom pošty po dojdení vašej platby.

Objednávky prijíma:

Esperanto-Servo, Trenčín, Pod Sokolicami.

KOŜICE. Loka grupo de Slovaka Esperanto-Societo aranĝis la 27an de februaro sian maskobalon kun moto: „*Nacioj de la mondo renkontiĝas*“. La entrepreno, originala per sia ideo, vekis merititan intereson kaj atestas pri aktiveco de niaj koŝiceaj samideanoj, kiuj pasintjare aranĝis la 2an slovakan Esperanto kongreson.

TURČ. SV. MARTIN. Loka grupo de SES povis bonvenigi en sia kunveno la 8an de marto nian fervoran kunlaborantinon, esperanto-instruistinon kaj propagandistinon, s-inon *Milda Jakubcová.* Dum la kunveno ŝi donis provlecionon de Cseh-metoda instruado kaj konvinkis la ĉeestantojn pri ĝiaj avantaĝoj. Dum sia restado en T. S. Martin s-anino Jakubcová vizitis la folkloran sekcion de la Slovaka nacia muzeo, la popolklerigas instituton Matica slovenská kaj la Instituton por progresigo de metioj. S-anino Jakubcová, mem filino de malgranda popolo litvana, edziniĝinta antaŭ pli ol 15 jaroj en Brno, tre interesiĝas pri la slovaka popola kulturo kaj propagandas ĝin tutmonde. Poste ŝi vizitis ankaŭ niajn semideanojn en Trenčín.

# Niaj perantoj

BELGUJO: S-ro *Tousseijn Camille,* 35 Statiestraat, Jabbeke.
Jarabono bfr. 70.—.

BRITUJO: *U.E.A.,* Heronsgate, Rickmansworth (Herts.) Jarabono 8 ŝilingoj.

FINNLANDO: *Eldono Vilho Setälä,* Kommandittiyhttiö, Onnentie 23, Helsinki—Kä.
Jarabono: fmk 250.—.

FRANCUJO. S-ro *Jules Coste,* Cité du Moulin de-Senlis, Montgéron, (S. & O.); poŝtĉekkonto: C. C. P. 45123 Paris. Jarabono: ffr. 420.—.

JAPANUJO: S-ro *T. Kurisu,* Hannan-cho, Naka 5-23, Abeno-Ku, Osaka.
Jarabono: 1.60 usonaj dolaroj.

NEDERLANDO: *Esperanto Film-Grupo,* Antwerpsestraat 45, Bergen-op-Zoom.
Jarabono: gld. 4.—.

SVEDUJO: *Eldona Societo Esperanto,* Fack 19071, Stockholm,
Jarabono: 5,75 sv. kr.

SVISLANDO: S-ro *Otto Walder,* Eigenheim, Romanshorn. Jarabono: svfr. 6,75.

Samideanoj en koncernaj landoj kun reprezentanto estas petataj pagi al sialanda reprezentanto.

Por landoj, kie ni ne havas reprezentanton, la jarabono por la jarkolekto 1948 estas 16 internaciaj respondkuponoj aŭ esperantaj libroj en valoro de 6,75 svisaj frankoj = 8 anglaj ŝilingoj = 1,60 usonaj dolaroj.

NE FORGESU: FRUA ABONO ESTAS HELPO AL LA REVUO!

# Esperanta Radio—Kalendaro

La horindikoj estas laŭ normala mezeŭropa tempo. Por la landoj, kie validas la greenwich-a tempo, dekalkulu unu horon.

Ni ne povas garantii pri la korekteco de la hor-indikoj; eventuale ni petas ĝustigon.

Atentu! Ekde la 4a de aprilo validos en ČSR somera tempo; laŭ ĝi la elsendoj okazos unu horon pli frue!

*Ĉiutage:*

16.30-16.45 Praha 1935 kaj 31,41 m. Bulteno kaj muziko.

19.15-19.30 Paris 48 39 m. Esp.-programo.

22.00-22.15 Praha 49,92 m. Komento kaj informa bulteno aŭ radio-muntaĵo.

*Dimanĉe:*

6.00, 8.00. 10.00, 12.00 Radio-Esperanto (nigra stacio) 5 m.

*Lunde:*

8.15-8.30 Stockholm 31,46 kaj 49,46 m. Esperanto-programo.

16.15-16.30 Stockholm 19,80 kaj 27.83 m. Esperanto-programo.

22.50-23.00 Praha 470 m.

23.00-23.30 Verda Stacio Praha 220, 259, 270 kaj 325 m. (Nur la unuan lundon en la monato.)

0.30-0.35 Budapest 549,5 m. Sciigoj.

*Marde:*

2.15-2.30 Stockholm 31,46 kaj 49,46 m. Esperanto-programo.

15.15-15.30 München 48,70 kaj 405 m. Esperanto-kurso. — Ĉiun duan mardon: la 22.2., 8.3., 22.3., ktp.

18.55-19.00 Schwarzenburg (Bern) 25,61 kaj 48,66 m. Pri Svislando. (D-ro Baur.)

19.50-20.00 Sofia 39,11 m.

21.45-22.00 Hr. Králové 238 m. (Ne elsendas la unuan mardon en la monato.)

23.00-23.10 Ostrava 259 m. (Ne elsendas la unuan mardon en la monato.)

*Merkrede:*

6.45-7.00 München 48,70 kaj 405 m. Esperanto-kurso. — Ĉiun duan merkredon: la 23.2 , 9.3., 23.3., ktp.

11.15-11.35 Paris 431.5 m. Kurso.

22.10-22 25 Warszawa 48,25 m.

0.30-0.35 Budapest 549,5 m. Sciigoj.

*Ĵaŭde:*

18 45-18.50 Wien 31, 41 kaj 228,6 m. Informoj pri Esperanto; tuj poste:

18.50-19.00 (samaj ondoj). Esperantlingvaj informoj pri Aŭstrio.

18.55-19.00 Schwarzenburg (Bern) 25,61 kaj 48,66 m. Pri federalismo kaj paco. (Prof. D-ro Privat.)

22.50-23.00 Praha 470 m.

23.00-23.10 Ostrava 259 m.

*Vendrede:*

19.50-20.00 Sofia 39,11 m.

0.30-0.35 Budapest 549,5 m. Sciigoj.

*

Aŭskultantoj ne forgesu skribi al la koncernaj radiostacioj, dankante kaj instigante:

RAVAG, Argentinienstr., Wien IV, Aŭstrio.

Radio Sofia, Esperanto-emisio, Sofia, Bulgarujo.

Radiostacio, Stalinova 12, Praha XII, Ĉsl.

Radiostacio, Brâfova 5, Ostrava, Ĉsl.

Radiostacio, Vychodoĉesky Vysilaĉ, Hradec Krâlové, Ĉsl.

Radiodiffusion Française, Émissions Espérantistes vers l'étranger, 118 Champs-Élysées, Paris 8.

Radio München, Kulturabteilung, Rundfunkplatz 1, München, Germanujo.

Hungara Radio, Budapest, Hungarujo.

Pola Radio, Koszykowa 8, Warszawa.

Radiotjänst, Stockholm, Svedujo.

Schweizer Kurzwellendienst, Bern, Svis.

---

## ANONCETOJ

Mallongigoj: dez. — deziras; kor. — korespondi; iŝ. — interŝanĝi, -as; pm. — poŝtmarkoj(n), pk. — poŝtkartojn; il. pk. — ilustritajn pk, ĉ. l. — ĉiuj landoj, ĉ. t. — ĉiuj temoj, t. m. — tuta mondo; esp-aĵoj(n) — esperantaĵoj(n); esp-isto-esperantisto. ktp. — kaj tiel plu; k s. — kaj simile; rk. — respondkupono internacia; g — gazeto.

35 gekursanoj en aĝo de 14—40 jaroj dez. kor. kaj iŝ. pm. kun t. m. Adreso: s-ano Jaromír Pavlacký, VESELÍ NAD MORAVOU, ĈSR.

Helpu al portugalaj esp-istoj, kiuj eklaboris malgraŭ malsimpatio de la registaro. Sendu esp-aĵojn al Portugala Esperanto-Ligo, LISBOA-N, Apartado 125, Portugalujo.

S-ro Ján Uličný, 22-jara, BENIAKOVCE 19, p. Rozhanovce, ĈSR, Slovakujo, dez. kor. kun t. m.

20 junaj esp-istoj 14—18 jaraĝaj dez. kor. kun ĉ. l. Adreso: V Kušnirenko, ŝt. real-gimnazio, JAROMĚŘ, ĈSR.

S-ro Gösta Hannson, Sandåkra, BÄCKSEDA, Svedlando, 22-jara sansportisto dez. kor. kun slovakaj ges-anoj.

Se vi dez. kor. kun polaj ges-anoj, precipe geskoltoj, skribu al s-ano Franciszek Noworól, RZESZÓW, ul. Syrokomli 4, Pollando.

S-ro Hans Horst Weigmann, (20) HANNOVER-DÖHREN, Peinertstr. 22 K, Germanio, dez. kor.

S-ro Josef Steppan, instruisto, (15b) KAHLA (Thür.), Rudolfstädterstr. 1, Sovjeta Zono, dez. kor. pri la popoldemokrata konstruado, precipe pri la junularorganizado.

S-ro Ferruh Catanay, Kigili ap. kat 1, MALATAYA, Turkujo, dez. kor. kun ĉ. l. Sendu esp-aĵojn propagandcele!

S-ro Juan Mollá (21-jara), contratista de obras, TARRASA, Pasaje Pintor Torres 4, Hispanujo, dez. kor. pri ĉ. t. precipe pri sporto kaj filatelio.

Kun polaj ges-anoj vi povas korespondi pere de s-ano Wladislaw Misiewicz, RADOM, Żeromski 27, Polujo.

S-ro Frank Halls, 28-jara UEA-fakdelegito por fotografio kaj junulaferoj, Kiewa Hydro-electric Project, BOGONG, Via Wodonga VIC, Aŭstralio, dez. kor. kun 11—14 jaraĝa intelig. knabo pri ĉ. t.

S-ro Bruno Sigert, (13a) CADOLZBURG, Markt 38, Fürth i. Bay., U. S. Zono, dez. esp-aĵojn.

Kun svedaj ges-anoj (precipe pri kristanaj aferoj) vi povas korespondi pere de s-ino Anna Sandgren-Alamo, STOCKHOLM, Prästgårdsgatan 29, Svedujo.

S-ro Igor Kišš, 17-jara stud., TRENČÍN, Hviezdoslavova 32, ĈSR, Slovakujo, dez kor. kun t. m. pri kristanismo, budhismo, ŝintoismo ktp. Certe respondos!

S-ro Walter Rahn (3b), GÜSTROW, Meckl., Pferdemarkt 30, bei Schumann, Germanio, Sovjeta Zono, dez. esp-aĵojn prop-cele.

S-ro Werner Flöh, KARLSRUHE, Gebhardstr. 64, Germanio, dez. esp-aĵojn.

Se vi volas korespondi kun japanaj gekursanoj, skribu al: Masahiro Hirano, 38-jara oficisto, 52, Higashi Tsuboi, KUMAMOTO, Japanujo.

S-ro Wilhelm Otto, prof. de muziko, (20) HOLZMINDEN, An den Teichen 17, Germanio, dez. kor. en senco de amikeco, interkompreniĝo kaj interfratiĝo.

30 junaj hispanaj ges-anoj dez. k. Skribu al adreso: Esperanto-Fako de Juventud Tarrasense, S. Francisco 52, TARRASA, Hispanujo.

S-ro Otto Rogall, (21) SELM-BEIFANG, Lange Strasse 103, Brita Zono, Provinz Westfalen, Germanio, dez. esp-aĵojn.

S-ro Max Reichelt, (10b) LEIPZIG W 31, Brockhaustr. 29-II., Germanio, dez. esp-aĵojn.

S-ro K. Kröber, Esperanto-Fako Volshochschule, (13a) KINZINGEN a. M., Germanio, dez. esp-aĵojn.

S-ro Mojŝe Springer, PC Iro-team 1069, Children Center, (13b) ROSENHEIM, U. S. Zono, Germanio, dez. esp-aĵojn.

S-ro Willi Nitsch, (22a) RHEINHAUSEN, Rheingoldstr. 33, Brita Zono, Germanio, dez. esp-aĵojn.

S-ro Herbert Wohlfahrt, Esperanto-Dienst (19b), FROHSE/ANH., Germanio, dez. espaĵojn propagandcele.

S-ro Sinsui Goto, 42-1 Kitanotani, Terabata, Kawanisicho, Kawabegun, Hyogoken, Japanujo, dez. iŝ. pm.

S-ro Torajiro Urayama, 64 Sinnozukacho, Utide, ASIYASHI, Hyogoken, Japanujo, dez. iŝ. pm.

S-ro Yutaro Nagata, 7-15 Ogainonaka, Okuno-Ku, OSAKA, Japanujo, dez. iŝ. pm.

S-ro Akira Takada, 2-324 Aimazato-Minominocho, Higasinari-ku, OSAKA, Japanujo, dez. iŝ. pm.

S-ro Hisaaki Naruse, 883-2 Takesimacho, Nisiyodogawa-ku, OSAKA, Japanujo, dez. iŝ. pm.

S-ro Eiiti Nisimoto, 314 Hammachi, Minoocho, Toyonogun, OSAKA-hu, Japanujo, dez. iŝ. pm.

S-ro Heiji Terai, 3-189 Mitejimanaka, Nisiyodogawa, OSAKA, Japanujo, dez. kor.

S-ro Rudolf Dänemark, St. nemocnice, GOTTWALDOW I., ČSR, dez. iŝ. il. pk. Certe respondos!

S-ro Alois Zmeškal, 33-jara librotenisto, Celetná ul. 2, PRAHA I., ČSR, dez. kor. pri div. temoj kaj iŝ. il. pk. kaj il. naciajn g. kun ĉ. l. Nepre ĉiam respondos!

Stojan St. Mandaĝiev, 18-jara gimnaziano, ASENOVGRAD, str. Haĝi Eleska 29., Bulgarujo, dez. **kor. kun t. m.**

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.



